XII^a jaro. N° 180 (8) ☆ Monata ☆ 5 aŭgusto 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|---|
| **Ordinara eldono** . . . . . . . . | 5.— Frankoj (2.— Sm.) | | **Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . | **0.50 Fr.** (0.20 Sm.) |
| **Luksa eldono** . . . . . . . . . | 6.25 Frankoj (2.50 Sm.) | | **Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . | **0.40 Fr.** (0.16 Sm.) |
| *Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.* | | | **Korespondado** (1 enskribo) . . . . . | **0.50 Fr.** (0.20 Sm.) |
| *La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato* | | | *Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %* | |

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

II

Resumo de la antaŭa artikolo: Oni ekzamenas la diversajn vidpunktojn rilate al la pacproblemo: Iuj opinias, ke nenio devas aŭ povas esti ŝanĝata en la nuna stato, ĉu ĉar la milito estas utila, ĉu ĉar, kvankam nedezirinda, ĝi estas neevitebla. Aliaj opinias, ke ĝia forigo estas dezirinda kaj ebla. Pri la rimedoj uzotaj regas tre diversaj vidpunktoj, jene klasigeblaj: vidpunkto doktrina kaj absoluta (por forigi la militon, necesa estas reformo de la individuo aŭ de la socio konforme al iu doktrino, religia, etika, socia, ktp.); vidpunkto politika kaj relativa (la pacproblemo devas esti konsiderata en si mem, precipe kiel demando politika kaj jura). Kritiko de la unua opinio.

Ni aludis pri la vidpunkto, kiu dependigas la starigon de paca stato el *individua* reformo, t. e. el demando pri moralo. Similan absolutan karakteron havas la tezoj, kiuj kredigas, ke senmilita ordo estos ebla nur post radikala transformo de nia *socia* organizo konforme al la doktrinoj de iu partio.

Nur kelkajn ekzemplojn ni citos.

Multaj personoj ankoraŭ opinias, ke la ekonomiaj faktoj determinas ĉiujn sociajn fenomenojn, eĉ la plej altgradajn. La materiaj interesoj regas la historion. La militoj estas do la rezultato de ekonomiaj konfliktoj. Nuntempe, la socio estas organizata tiel, ke ĝi estas sub la plena estreco de la kapitalistaj klasoj. Sekve, la militoj, sub kiu ajn belŝajna pretekstо ili estas farataj, havas fakte kapitalistan devenon. Ili malaperos, nur kiam estos transformita la socia ordo, kiu ilin naskis. La defendantoj de tiu tezo, ĉe ĉiu milito, penas pruvi, ke ĝi estas kaŭzita de ekonomiaj faktoroj kaj estas klarigebla per kontraŭaj interesoj de diverslandaj kapitalistaj grupoj.

Tiu doktrino, kiu renkontis grandan sukceson, havas la meriton, ke ĝi estas simpla. Sed pri sociaj fenomenoj oni devas singardeme rilati kun la simplaj unukaŭzaj klarigoj. Certe, la ekonomiaj faktoj estas la necesa fundamento de nia civilizacio. Por ke li povu pensi kaj labori, la homo devas unue manĝi. Sed tio tute ne signifas, ke nur la ekonomiaj faktoj determinas la historion, ne pli ol nur fiziologiaj bezonoj movas la homon. Oni povas allasi, ke kelkaj militoj havis kiel ĉefajn motivojn konfliktojn pri materialaj interesoj. Tamen, sole ekonomiaj malkonsentoj ne sufiĉas por elvoki militon. Sentimentalaj kaj ideaj elementoj ĉiam enmiksiĝas kaj plej ofte superregas. Eĉ atentante nur pri la tutlasta epoko, ni facile konstatas, ke la Balkanaj konfliktoj kaj la nuna militego ne estas ĉiuflanke klarigeblaj per la nomita teorio. Ili neniel estas la produkto de kapitalista ordo. Ilin kaŭzis politikaj malkonsentoj, kies radiko kuŝas en la demando pri *nacieco,* t. e. precipe spirita faktoro.

Flanke de la ekonomiaj bezonoj, la *ideoj* kaj la *sentoj* movas la popolojn, same kiel ili movas la homojn. Ke la kapitalistaj rondoj havas ĉe la gvidado de la ŝtatoj gravan influon, neniu neas. Tiu influo ne estas senlima. Multe malpli forta ĝi estas ol la premanta influo de tiuj naciaj sentoj prilaboritaj de la generacioj kaj enradikigitaj en la animoj. Kontraŭ la eksplodoj de tiuj sentoj ofte devas cedi la kapitalistaj rondoj. Lastaj historiaj ekzemploj montras ĝin.

Cetere, plej ofte la intereso de la kapitalistoj — krom de kelkaj el ili speciale implikitaj en la militindustrioj — postulas ne la militon, sed la pacon, kaj ili ĉion faras por ĝin konservi, ĉar nur en la sekureco povas disvolviĝi la

grandaj iniciatoj kaj la vastaj entreprenoj. Se tamen ili ne povas eviti la militon, tio okazas, ĉar ilia potenco, kiel ajn granda ĝi estas, estas superata de pli forta potenco, esence spirita. Milionoj da homoj nun, ofte senplende, suferas plej kruelan sorton, ne ĉar ili celas propran materian intereson aŭ eĉ la ekonomian bonstaton de sia patrujo, sed ĉar ili *kredas* defendi spiritajn bienojn (libereco, rajto, kulturo, patrujo, ktp.). Ĉu ili tion reale faras, estas alia demando. Rilate al tio, kio nin okupas, sufiĉas konstati, ke ili kredas ĝin.

Tiuj faktoj ne ĝenas la fervorajn defendantojn de la tezo pri tutpotenco de la ekonomiaj faktoroj. Anstataŭ allasi, ke la teorio ne klarigas ĉion kaj sekve estas nur parta vero, ili preferas nei certajn problemojn, ekz. tiun de la nacieco, kaj entute ĉiujn faktojn, kiuj kontraŭstaras la dogmaron. Sed la evidenteco iom post iom malblindigas tiujn, kiujn kaptis la simpleco de la klarigo. Sub la influo de la nunaj cirkonstancoj, oni forlasas tiun doktrinon, kiu je sia apero havis bonan efikon per tio, ke ĝi atentigis pri la tro malzorgita ekonomia vidpunkto, sed poste pro sia rigideco ne plu povis ampleksi la multflankan realecon.

Laŭ la supra vidpunkto, la starigo de paca ordo internacia estus la rezultato de plena socia transformiĝo. Aliaj movadoj, ne tiel absolutaj, tamen pretendas, ke la pacproblemo estos vere solvebla nur post kiam estos realigita la socia, politika aŭ kultura reformo, al kiu ili celadas. Ekzemple, fervoraj feministinoj asertas, ke kontraŭ la militsistemo nenio serioza estos farebla antaŭ ol la virinoj havos voĉdonrajton. Alia movado substrekas, ke la problemo solviĝos per racia limigo de la naskiĝoj. Iuj Esperantistoj volus, ke ĉiuj homoj lernu Esperanton; poste, la paco stariĝos per si mem, ktp. Tiuj vidpunktoj estas malsamaj. Ili tamen koincidas en tio, ke la demando pri paco ne povas esti ekzamenata kaj solvata en si mem, sed postulas unue la efektivigon de iu socia reformo aŭ progreso.

Al tiuj tendencoj oni povas riproĉi, ke ili ne klare vidas la ĉefan karakteron, esence politikan, de la pacproblemo, kaj tro inklinas konsideri ĝin tra specialaj teorioj aŭ celadoj, kiuj ne rekte rilatas kun la postulo de nova ordo internacia.

Povas esti, ke la virina voĉdonrajto malfaciligos la militon, sed tio tute ne estas tiel certa, kiel pretendas kelkaj viringrupoj. Unue, la eksterlanda politiko estas ĝis nun malmulte influita de la parlamentoj. La estonteco de la ŝtatoj estas fiksata de pli intimaj rondoj, kiuj, pro ŝtatinteresoj, plej ofte sekrete laboras kaj komunikas al la parlamentoj nur tion, kio estas sendanĝere komunikebla. Ĉu tio estas bona aŭ ne, ni tion poste ekzamenos. Valoras la fakto, ke ĝis nun la karaktero de la eksterlanda politiko evitis la parlamentan partoprenon. Por ke la voĉo de la virinoj efiku, necesus do, ke la parlamentoj havu ĉiopovan influon je la ekstera politiko — kio postulas per si mem profundajn reformojn apenaŭ realigeblajn en la nuna stato. Due, ekzistas multaj pacifistaj virinoj, sed ankaŭ ŝovinistaj virinoj ne mankas. Eĉ, ofte, laŭ influo de la cirkonstancoj, fervoraj pacifistinoj fariĝas ne malpli fervoraj ŝovinistinoj. Verdire, oni asertas, ke pro sia patrineco la virinoj estus ĉiam nature inklinaj al la paco. Sed la plimultaj viroj ankaŭ amas siajn filojn, kaj malgraŭ tio restas militemaj. Fine, eĉ se oni akceptas, ke la virina voĉdonrajto faciligas la pacon, oni devas allasi, ke praktike ĝi ne estas nun samtempe aplikebla ĉiulande. El tio rezultus do la jena stato: kelkaj landoj havus virinan voĉdonrajton kaj sekve — laŭ la feministinaj asertoj — montrus pacifistan politikon; aliaj ne havus ĝin kaj konservus militeman politikon. La historio pruvas al ni, ke tiu situacio estas danĝera precipe por la pacemaj landoj, ĉar la pacifismo unuflanka estas nur trompiĝo.

Tiuj rimarkoj tute ne celas kondamni la feministan celadon — kiu en tiom da aliaj rilatoj estas akceptinda — sed nur montri, ke je la pacproblemo la virina voĉdonrajto ne povas havi la ĉefgravan influon, kiun al ĝi aljuĝas ĝiaj plej fervoraj apostolinoj.

La tezo pri la rilato de la militoj kun la problemo de la kresko de la loĝantaro ne estas tute malatentinda, ĉar iam la troloĝateco de kelkaj landoj povus fariĝi kaŭzo de militoj, sed ĝis nun la konfliktoj havis tute aliajn motivojn. Tial, la solvo, kiun oni prezentas, ne efikas rilate al la estantaj kondiĉoj. Plie, tio, kion ni diris rilate al la pacema feminismo unuflanka estas ankoraŭ pli vera rilate al la unuflanka limigo de la naskiĝoj: La popoloj, kiuj praktikus la limigon, estus la viktimoj de tiuj, kiuj ne praktikas ĝin. La nomita teorio estus sendanĝere aplikebla, nur se ĉiulande ĝi estus egalgrade akceptita. Tio ne estas realigebla nuntempe.

Rilate al la tria donita ekzemplo, la ĝenerala disvastigo de Esperanto certe plifaciligos la interpopolajn rilatojn kaj ebligos iom post iom la formiĝon de supernacia kulturo. Sed krom tio ke tiu grandega tasko estos tre longedaŭra, ĝi estas realigebla nur se la politikaj internaciaj kondiĉoj ne malhelpas ĝin, starigante ĉiuspecajn barojn inter la popoloj kaj eternigante la plej krudajn antaŭjuĝojn. Tie ankaŭ la ordo estas kondiĉo de la progreso.

Aliajn similajn doktrintendencojn ni povus citi. La donitaj ekzemploj sufiĉas por montri, ke la priparolitaj celadoj ne povas solvi la pacproblemon, ĉar ili malatentas ĝian ĉefan karakteron.

Ni traktis tiujn vidpunktojn teorie. Praktike, estas evidente, ke ĉiuj antaŭe cititaj movadoj ne estas sufiĉe potencaj por trudi siajn ideojn al la mondo. Plie, la solidarigo de la pacoceladoj kun apartaj idealoj aŭ teorioj, ofte vigle kontraŭbatalataj, havas aliajn praktikajn malprofitojn en tio, ke ĝi forpuŝas multajn personojn. Oni ja povas esti kontraŭ la virina voĉdonrajto kaj por la paco. Oni povas esti kapitalisto kaj kontraŭ internacia anarkio, k. t. p. La pacproblemo estas mem sufiĉe grava. Ĝi ja povas esti ekzamenata en si mem. Oni do ne miksu ĝin kun aliaj doktrinoj, je kiuj ĝi ne estas nature ligata.

Ni havas sub la okuloj broŝuron dediĉitan al la pacproblemo; ĝi estas tipo de tiu evitinda konfuzo. En ĝi la aŭtoro pritraktas kaj solvas ĉiuspecajn sociajn problemojn; socialismo, religioj, feminismo, eŭgeniko, alkoholo, lingvo internacia, ktp. Ligi ĉiujn tiujn demandojn, el kiuj la plej simpla (la alkohola problemo) elvokas la plej terurajn malhelpojn, signifas prokrasti ĉiun solvon ĝis kelkaj jarcentoj. Tia konfuzo senefikigas agadon, kiu estus bonfara, se ĝi scius sin limigi. Estas eraro de nia epoko, ke ĝi disigas sian socian klopodadon je multaj diversaj celoj samtempe. En la nuna tempo unu problemo superregas ĉiujn aliajn, nome la starigo de internacia ordo. Antaŭ ol plibonigi la kondiĉojn de la vivo, necesas unue, ke la vivo estu. Nu, la internacia anarkio grave endanĝerigas nian vivon kaj minacas la kulturvalorojn akiritajn de la antaŭaj generacioj. Savi la civilizacion estas la unua devo; poste plibonigi.

Elimininte la absolutajn doktrinajn solvojn, ni do estas alkondukitaj al la konkludo, ke la paca problemo devas esti ekzamenata en si mem. Ni tiam konstatos, ke ĝi havas precipe *politikan* kaj *juran* karakteron. Ni skribas precipe kaj ne ekskluzive. Ordo internacia dependas ankaŭ parte el certaj materiaj kondiĉoj, kiel sufiĉe rapida komunikiĝo inter la nacioj, parte el spiritaj kondiĉoj kiel reciproka konatiĝo.

Internacia ordo estus malfacile kreebla antaŭ kelkaj jarcentoj, kiam la komunikoj inter la diversaj regnoj estis tre malfacilaj kaj interne de ili la sekureco ofte tre malcerta. Sed, koncerne tio, la situacio tute ŝanĝiĝis en la lastaj jardekoj. La rilatoj inter la diversaj partoj de Eŭropo estas nun pli rapidaj kaj pli praktikaj ol ili estis antaŭ cent jaroj

interne de unu el la nunaj grandaj landoj, kaj aliparte la disvolviĝo de la moderna ŝtato notinde pliigis la internan sekurecon. El la unùa fakto kelkaj verkistoj, tro influitaj de la teorio pri la tutpotenco de la materiaj faktoroj, konkludis, ke la progreso de la komunikoj, faciligante la reciprokan konatiĝon de la popoloj, pli kaj pli maloftigos la militojn. Tio estis iluzio. Pli bone konante unu la alian, la popoloj havas okazojn ne sole por kunlabori, sed ankaŭ por konflikti. La fervojoj, la rapidaj ŝipoj, la telegrafio, multe plivastigis nian materian agadkampon, sed ili ne determinis novan pensmanieron. Oni do ne povas diri, ke la progreso de la komunikoj, eĉ kun siaj ekonomiaj konsekvencoj, plifortigas la internacian pacon; sed estas allaseble, ke paca stato ne povas esti firme starigata, se la materiaj rilatoj inter la popoloj ne estas sufiĉe oportunaj.

Spirita komunikiĝo estas ankaŭ necesa kondiĉo. Rilate al la demando pri kulturo, multaj diverslandaj kleruloj skribis plej fantaziajn asertojn. Se oni atentus pri iliaj pasiaj demonstracioj, oni devus konsenti, ke nur la nacio, al kiu ili apartenas, kaj ĝiaj kunligitoj, posedas indan kulturon. La malamikoj povas esti nur barbaraj, degenerintaj aŭ malheroaj. Ĉar tiuj strangaĵoj estas similaj ambaŭflanke de la landlimoj, ili sin reciproke detruas. Oni do povas serene allasi, ke pri la grado de kulturo aŭ malkulturo, la popoloj militantaj ne tiel diferencas kiel oni pretendas, laŭ la plej malsamaj direktoj. Fakte, se ni atentas pri la civilizitaj nacioj kune, oni devas akcepti, ke ili havas vastan idean kaj moralan komunposedaĵon, kiu estas la verko de la ĉiutempaj kaj ĉiulandaj elitoj. La diversgentaj kulturoj rilatas al la komuna civilizacio, kiel la branĉoj al la trunko. Ili ne povas tute memstare disvolviĝi. Oni povas ilin kompari, sed ne ilin kontraŭstarigi. Internacia ordo ja tute ne postulas la kunfandiĝon de la diversgentaj kulturformoj, kiuj kontraŭe devas libere floradi konforme al sia propra originaleco, produkto de meza kolektiva sentemo. Sed necesas, ke rilate al ili regu reciproka tolerado. Faciligi la konatiĝon inter diverslandanoj, starigi kontakton inter la kulturoj, ebligi liberan interŝanĝon de pensoj super la naciaj baroj, estas taskoj gravaj per tio, ke ili helpas al la ellaboro de sentoj, kiuj cementos kaj firmigos la novan ordon. Antaŭ la milito, floris bela promesplena internaciema movado, kiu manifestiĝis per multnombraj internaciaj asocioj, institucioj, kongresoj, k. t. p. Ĝi estas nun grandparte disigita de la militventego. Sed ĝi revivos, ĉar ĝi respondas al nepra bezono de nia epoko. Tamen, la laboro, kiun ĝi plenumas, efikas nur je longa tempo kaj ĉe limigitaj rondoj; la kernon de la popoloj, la mezan parton de la naciaj publikoj ĝi ne ankoraŭ tuŝis. Plie, la prospereco de tiu libera movado ĝuste dependas de la politika internacia situacio. Se tiu ĉi restas en la anarkia ĥaoso, se konstante nin minacas tia aŭ alia militdanĝero aŭ politika streĉiĝo, tiam ĉiuj progresaj celadoj estas paralizataj, larĝaj planoj kaj ampleksaj iniciatoj restas nerealigeblaj pro la ĝenerala malsekureco. Atendi ĝis tiuj internaciaj organizaĵoj estos sufiĉe potencaj por mem trudi la pacon, estas espero ne tute forpelinda, sed kies efektiviĝo aperas tre malproksima. Kontraŭe, la formiĝo de interŝtata ligo grandege helpus tiujn internaciemajn kulturceladojn, kiuj dank' al politika sekureco povos disvastiĝi tiom pli facile, kaj alvarbi tiujn multajn laboremajn spiritojn ĝis nun ekskluzive implikitajn en la politikaj bataloj.

Tial, ni estas rekondukitaj al la fundamenta demando pri ordo internacia: problemo precipe politika kaj jura.

Antaŭ ol ekzameni la politikajn solvojn prezentitajn, konvenas atentigi, ke ni ne uzos abstraktajn esprimojn, per kiuj multaj personoj kredas solvi la malfacilaĵojn. Starigi super la mondo la regadon de la libereco, de la rajto aŭ de la justeco, estas frazeologio, kiu tute nenion solvas. Ĉiuj militantoj sincere opinias batali en la nomo de tiuj idealoj, sed pri la interpretado kaj aplikado, iliaj vidpunktoj diferencas, kaj ĝuste tio estas la ĉefa afero.

Diri, ke la popolo A. batalas por la rajto signifas nenion, ĉar ankaŭ la malamika popolo B. kredas batali por la rajto, t. e. la rajto, kiu ŝajnas al ĝi prava. Niaj ideoj kaj sentoj pri libereco, justeco, rajto, — tion oni scias — ne estas samaj. Ili diferencas ne sole laŭ la popoloj, sed interne de la popoloj laŭ la religia aŭ filozofia kredo, laŭ la partioj, laŭ la medio, k. t. p. Dum interne de la nacioj, flanke de la natura diverseco de la vidpunktoj, la necesaĵoj de la komuna vivo trudis la alprenon de pozitivaj principoj laŭ kiuj reguliĝas la sociaj rilatoj, internacie, kontraŭe, ekzistas nenia pozitiva principo laŭ kiu reguliĝus la interŝataj rilatoj, sed nur malsamaj vidpunktoj, inter kiuj tranĉas la forto, pro manko de alia rimedo. La esprimoj libereco, justeco, rajto, k. a., akiras pozitivan signifon, nur se ili estas precizigataj kaj limigataj, t. e. rilatigataj al faktoj. Alie, ili malklarigas ĉiun ekzamenadon, ĉar abstrakte uzataj ili elvokas malsamajn komprenojn, kaj malhelpas tiujn praktikajn interkonsentojn, al kiuj — malgraŭ teoriaj diferencoj — kondukas la necesaĵoj de la socia vivo. Ni scias, ke tiaj esprimoj respondas al certaj ĝeneralaj bezonoj de nia penso, sed kiam oni volas transiri al la agado, estas necese paroli pri konkretaĵoj. Al konstruanto de domo ne sufiĉas scii, ke la konstruaĵo devas esti alta; li bezonas scii, *kiom* alta. Ke la mondo estu regata laŭ la libereco, la rajto kaj la justeco, estas komuna deziro. Sed *kiel* esprimi tion en la realeco? *Kiel* atingi kompromison kaj vivkapablan ekvilibron, inter la malsamaj komprenoj, kiujn elvokas tiuj esprimoj? Jen la malfacila demando, kiu premas la serĉanton. Ĝin li povas ektuŝi nur kiam lia spirito, sin liberiginte je tiuj abstraktaĵoj, enpenetras la vivrealecon.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

 SOCIA VIVO 

## La packondiĉoj kaj la interesoj de l' homaro

Ĥaoso en la faktoj, ĥaoso en la ideoj, tia estas la nuna situacio. Neniu plu superregas la okazantaĵojn. Ĉiuj organizfortoj furiozas: hodiaŭ milito inter la popoloj; morgaŭ revolucio en ŝtatoj.

Oni devas haltigi. Necesas substreki la vidpunkton de la Homaro, akordigi naciismon kaj internaciismon, alvoki universalan ordon, kiu sin trudos al la vivo fariĝinta universala. Ni bezonas *fundamentajn tezojn,* al kiuj oni konstante povos aludi en la diskutoj kaj en la agado.

La sekvantaj tezoj kunigas kelkajn novajn ideojn kun la plej bona el tio, kio ĝis nun estis proponita.

*a)* La socioj (la Homaro dividata je socioj) estas organismoj. La paco estas ilia sano; la milito ilia malsano. *b)* Malsame ol en la pure biologiaj organismoj, la racia kaj memvola agado estas kapabla determini, en pli kaj pli larĝa amplekso, la vivkondiĉojn de la socioj. *c)* La interna ŝtatpolitiko tendencas altiĝi de la emocia kaj ĥaosa ŝtupo al la racia kaj orda ŝtupo, lasante pli kaj pli larĝan parton al la sociaj sciencoj. La internacia politiko devas evolucii laŭ la sama spirito.

Estas neeble daŭrigi la diskutadon kun tiuj, kiuj obstinas substreki la superecon, per si mem, de la milito super la paco, aŭ kiuj asertus, ke ĉar ĉio estas fatalaĵo en la sociaj fenomenoj, oni devas lasi al la cirkonstancoj la taskon krei novan ordon.

*Kaŭzoj de la milito*

Por kuraci malsanon, oni devas koni la kaŭzojn. Diagnozo estas necesa.

La nuna milito, se ne en sia origino, almenaŭ en la nuntempa stato de sia disvolviĝo kaj daŭriĝo, havas ne unu kaŭzon, sed diversspecajn kaŭzojn, kiujn oni povas jene klasigi:

1e *Ekonomiaj:* Ekspansio malhelpata de la manko de kolonioj, fermo de vendokampoj — konsekvencoj de la protektaj aŭ malpermesaj leĝoj, de nelojalaj konkuroj, dank' al la eksportpremioj kaj la „dumping" kreita de la trustoj kaj karteloj ŝirmataj kontraŭ la dogantarifoj.

2e *Demografiaj:* Grava kresko de la loĝantaro en kelkaj landoj; malfacilajoj pri elmigrado; malĝustaj naciistaj ideoj pri la perdo de samnacianoj sin liberigantaj je la militservo.

3e *Etnikaj:* Premado de naciecoj pro trudita aneksado; alinaciigo perforta kaj pertruda; arbitra grupiĝo de loĝantaroj sub la superregado de iaj registaroj; premado de la plimultoj per la malplimultoj; troa alcentrigo registara kontraŭstaranta al memregado *(self-government)*.

4e *Juraj:* Manko de jura sistemo por regi la internaciajn rilatojn, same kiel ĝi ekzistas por ĉiuj aliaj rilatoj (individuoj kaj asocioj en la ŝtato, komunumoj kaj provincoj en sama ŝtato; ŝtatoj el kiuj konsistas sama konfederacio); nepunebleco de la traktatrompoj; malpreciza karaktero de la internacia juro, nepiene fiksita de la internaciaj konvencioj, kaj parte forlasita je la arbitro kaj hazardo de la doktrinlaboro de nerajtigitaj juristoj.

5e *Politikaj:* Malĝustaj ideoj pri ekstera politiko kaŭzitaj de la konkuroj kaj kunaspiroj, sen zorgo pri ĉia dezirinda kunlaborado; ambiciemo kaj konkeremo; ekzisto de aŭtokrataj registaroj uzantaj la militon por forigi internajn malfacilaĵojn; politiko de la atakaj kaj defendaj kunligoj; trouzo de la sekretaj traktatoj.

6e *Militistaj:* La senfina ŝraŭbo de la armadoj metas je la dispono de kelkaj homoj, sen ekvilibro, sen kontrolo, grandegan forton, kiun ili inklinas servigi al siaj deziroj; la kresko de la militarismo influas la publikan spiriton kaj malbonigas la normalan mekanismon de la institucioj, kiu postulas, ke la ĝenerala politiko regu la armeon, ne la armeo la politikon.

6e *Moralaj:* Malbona morala formiĝo; eduko de la individuo laŭ primitiva patriotismo, konsistanta el malamo al la najbaraj popoloj, ne el amo al la propra lando; maldeca ekspluatado de la pasioj per la gazetaro.

*Kuraciloj kontraŭ la militkaŭzoj*

Unika kuracilo kontraŭ tiuj malsanoj ne ekzistas; oni devas serĉi plurajn kuracilojn respondantajn al ĉiu aparta militkaŭzo.

La estonta pactraktato devos celi la restarigon, aŭ pli ĝuste la starigon de la internaciaj rilatoj. La ordo anstataŭu la anarkion. Por tiu celo devas esti ellaborata *monda konstitucio*, kiu fiksas la principojn de la interŝtataj rilatoj kaj starigas la kolektivajn organojn por plenumi la aplikadon. La konstitucio devas alporti solvon al ĉiu el la notitaj malbonoj.

1e *Ekonomiaj.* Libera komerco, almenaŭ en la kolonioj.

2e *Demografiaj.* Internacia akcepto de la fundamentaj rajtoj; rajtegaleco por ĉiu individuo ĉiulande.

3e *Etnikaj.* Libereco de la naciecoj: sendependeco aŭ memstareco de la registaroj; nenia aneksado aŭ konkerrajto; garantioj de rajtoj al la malplimultoj.

4e *Juraj.* Internacia Konfederacio: Parlamento (transformiĝo de la Packonferenco); internacia juĝopovo (arbitracia kortumo, juĝa kortumo, konsilantaro por enketo kaj interkonsento); plenuma povo internacia (konsilantaro de la ŝtatoj, komisionoj pri publikaj internaciaj servoj); diplomata, ekonomia kaj militista kunlaborado; internacia armeo el naciaj kontingentoj sub la direktado de internacia stabo.

5e *Politikaj.* Internacia kunlabora kaj interkonsenta politiko; ĝenerala voĉdonrajto de la viroj kaj virinoj; demokrata kontrolo pri la eksterlanda politiko, forigo de la kunligoj kaj sekretaj traktatoj.

6e *Militistaj.* Grava malpligrandigo de la armeoj kaj difino de la pli granda parto de la militbuĝetoj por la edukado kaj plibonigo de la popolamasoj.

7e *Moralaj.* Reformo de la edukado kaj de la gazetaro; punleĝoj por protekti la mondan konstitucion.

*Rimedoj por atingi tiujn solvojn*

1e *Privata agado.* *a)* Sciencaj studoj de la militkaŭzoj kaj -kuraciloj; *b)* propagando kaj formado de la publika opinio; *c)* alcentrigo de la penadoj en la „centra organizo por daŭra paco", komisiita en ĉies nomo prezenti al la regnoj la postulojn de minimuma programo.

2e *Agado de la neŭtralaj registaroj.* Tuja kunveno de konstanta konferenco de la neŭtralŝtatoj, celanta kontinuan kaj senmilitkaŭzan pacperadon, por transdoni al la militantaj regnoj proponojn pri organizita paco, kaj interkonsentigi iliajn postulojn.

3e *Ĝenerala agado de la registaroj.* Je la pacmomento, kunvoko de du konferencoj:

*a)* Inter la militantaj regnoj por reguligi la teritoriajn kaj financajn demandojn;

*b)* Inter ĉiuj ŝtatoj (neŭtralaj kaj militantaj) por fiksi la mondan konstitucion.

*Paul Otlet,*
Direktoro de la Bibliografia Instituto,
Sekretario de la Unio de la Internaciaj Asocioj.

Trad.: *E. B.*

## La viktimoj de la milito

*Nova parto*

II

*Transdonado de vunditoj kaj malsanuloj al neŭtrala ŝtato*

Ankaŭ tiu postulo estas ofte starigata kaj konsiderata kiel facile plenumebla. Regas pri ĝi konfuzo de ideoj, je kiu la enmikso de privataj interesoj estas parte responda.

La temo estas nova, ne tuŝita en la malnova Ĝeneva Konvencio. Kontraŭe en la nova Konvencio de 1906 la art. dua antaŭvidas la eblon de specialaj interkonsentoj pri la „transdonado de malsanuloj kaj vunditoj de la malamiko (do de personoj kun karaktero de militkaptitoj) al iu neŭtrala ŝtato, kiu estas preta ilin akcepti, kaj sin devigas ilin internigi ĝis militfino."

Sammaniere, nur iom pli detale kaj el la vidpunkto de la neŭtraluloj, la afero estas ordigata per art. 59 de la Haga Konvencio de 1899 pri la surtera milito; tiu artikolo estis reprenata kiel art. 14 en la Konvencio de 1908 „pri la rajtoj kaj devoj de neŭtralaj ŝtatoj dum surtera milito". Konforme al ĝi neŭtrala lando povas permesi la transportadon de militvunditoj kaj malsanuloj tra sia teritorio, kondiĉe ke la vagonaroj ne kunprenu soldatojn aŭ militmaterialon, kion la neŭtralulo devas garantii per funkciigo de sufiĉa kontrolo.

Oni facile komprenas, ke tia transportado de vunditoj kaj malsanuloj tra neŭtrala lando povus okaze esti tre agrabla al militanta ŝtato, ĉar, ne plu devigata uzi parton de siaj fervojaj linioj malantaŭ la batallinio por fortransporto de la vunditoj, ĝi havus plian facilon alveturigi novajn trupojn. Sekvas ke la forigo de la vunditoj tra neŭtrala lando profitus eble al la plifortigo de la armeo, kio ja ne estas alcelata. Jam dum la priparoladoj de la Haga Konferenco de 1899

oni aludis tion kaj serĉis iun solvon korektan kaj tute neŭtralan. Oni klopodis forigi la kontraŭdirojn per la rimarko, ke kutime tiaj vagonaroj ja enhavus anojn de ambaŭ partioj (sur la batalkampo estas plej ofte ne eble tuj apartigi la amikajn kaj malamikajn vunditojn) kaj ke la transportoj estus aranĝataj de la neŭtrala ŝtato nur laŭ principoj de humaneco kaj higieno, ne laŭ politikaj konsideroj. En tiu senco oni aldonis deklaron al la protokolo.

Plie en la dua alineo de la art. 14 estas fiksata alia korektigilo. Se „sub tiaj cirkonstancoj" oni uzas neŭtralan teritorion por vunditoj kaj malsanuloj, la neŭtrala lando devas gardi la alkondukitajn kaptitojn tiel, ke ili ne plu povu partopreni la militon. Se ekzemple la germana armeo alkondukus al Svisujo vunditajn germanojn kaj kaptitajn vunditajn francojn, la svisa registaro devus internigi la francojn; same oni devus internigi kaj malhelpi je estonta militpartopreno vunditajn germanojn, se la franca armeo alkondukus vunditajn francojn kaj germanajn kaptitojn. Tiu regulo estis starigata en la intereso de la vunditoj, ĉar sen ĝi neniu armeestro volus sendi vunditajn kaptitojn en neŭtralan landon; li ja riskus, ke poste la neŭtralŝtato liberigus la resanigitajn kaptitojn kaj resendus ilin al ilia armeo. Sekve estus timinde, ke oni lasas la malamikajn malsanulojn kaj vunditojn sur la batalkampo aŭ retransportas ilin sur vojo pli longa kaj doloriga en propran, ne en la neŭtralan landon.

Tiu komplika regulado montras klare, kiel malfacile estos al neŭtralulo ĝin apliki, ne altirante la mallaŭdon, ke per sia bonfaro ĝi favoris unu el ambaŭ partioj, kiel tio okazis dum 1870. (Delegacio el Basel, Bern kaj Zürich forkondukis al Svisujo 800 virinojn kaj infanojn el la sieĝata urbo Strassburg. — La tradukinto.) Akurate sammulte fari por ambaŭ partioj estas treege malfacile. Pro la timoj kaj duboj esprimataj je 1899, neŭtralŝtato dufoje pripensos la organizon de helpo, el kiu eble ĝi rikoltos riproĉon. En certa kazo ĝi devus elekti, ĉu sekvi la voĉon de la humaneco, ĉu siajn ŝtatajn interesojn, kiuj per pasiva sintenado estas plej bone certigataj.

Io pli ne estas entenata en la interpopolaj konvencioj; la malmultaj militistoj private vojaĝantaj en neŭtrala lando aŭ restantaj en ĝiaj kuraclokoj ja ne estas konsiderindaj. Ekzistas do sole, laŭ la reviziita Ĝeneva Konvencio, la antaŭvidita ebleco de specialaj kontraktoj inter militantaj ŝtatoj kaj kun unu neŭtrala ŝtato, laŭ kiuj la neŭtrala ŝtato akceptas la alkondukon de vunditoj kaj promesas internigi la inter ili troviĝantajn militkaptitojn. Ĉiu alia ebleco, ekz. ke en neŭtrala lando oni povu malfermi resanigejojn por oficiroj kaj soldatoj de militantaj armeoj, kiuj post kuracado reirus plifortiĝintaj sur la batalkampo, estas nekonforme al la precizaj devigoj de neŭtraleco.

*La sanitaristoj restintaj sur batalkampo*

La venkinto akceptas la vunditojn kaj malsanulojn de la malamiko kiel kaptitojn. Tamen la malamiko, kiu foriras aŭ sin retiras, ne rajtas lasi siajn vunditojn al ilia sorto, sed, kiom permesas la militistaj interesoj, li devas restigi ĉe la vunditoj la necesan nombron de sanitaristoj el la moveblaj organizaĵoj.

Tiu restanta sanitaristaro, kiu ne rajtas foriri dum momento kiam ĝia helpo estas plej necesa, devas, laŭ la Ĝeneva Konvencio, esti protektata kaj helpata en ĉiuj cirkonstancoj. Male je la vunditoj kaj malsanuloj ĝi estas speciale difinita kiel nekaptebla. Ĝia sanitara materialo ne estas forprenebla, la kontraŭulo sole povas kunuzi ĝin. Por sia laboro en la venkinta armeo la sanitaristaro ricevas saman nutraĵon kaj salajron kiel la samgradaj tieaj sanitaristoj. Se ĝia kunlaboro en la malamika lando ne plu estas necesa, oni devas ĝin resendi al ĝia armeo je plej oportuna maniero, t. e. ne ĝenante la militistajn operaciojn, kaj redoni ĉiujn personajn propraĵojn, instrumentojn, armilojn kaj la materialon. La liberigo devas okazi dum la templimoj kaj per la vojoj kunigeblaj kun la militistaj interesoj.

Aŭdiĝis nun pluraj, tre seriozaj plendoj de sanitaristoj, speciale de kuracistoj, ke oni retenis ilin multe tro longe ĉe la malamiko; eĉ, ke kontraŭ la klara teksto de la Ĝeneva Konvencio, ilia libereco estis tiel mallarĝigita, ke malgraŭ la pagita salajro ili fariĝis kvazaŭ kaptitoj. Kiel montras la oficialaj raportoj, ankaŭ la personoj havintaj la favoron viziti la kaptitejojn konsideras tiujn plendojn kiel parte pravaj. Certe oni pretendas, ke la disciplino kaj la pli facila interkompreniĝo kun la militkaptitoj postulus lasi ĉe ili kelkajn kuracistojn de ilia nacio; certe oni atentigas, ke la danĝero je transigo de epidemioj ne permesus tro fruan liberigon de la sanitaristoj. Sed en multaj flankestarantaj rondoj oni havas la firman impreson, ke mankas la necesa larĝanima interpretado de la Ĝeneva Konvencio, tiel ke kelkaj kuracistoj aŭ grupoj de ili, retenitaj pli longe ol necese, devas esti konsiderataj kiel viktimoj de la milito.

La militantaj partioj devus dufoje pripensi, ĉu ili volas altiri al si tian riproĉon. Ili apelacias al la publika opinio en la neŭtralaj landoj. Ĝuste en tiu nedubeble pruvita afero la publika opinio estas potenco, kaj ili bone agus, ĉion evitante por ke oni ne povu paroli pri malrespekto de la nuntempe altŝatata Ĝeneva Konvencio.

*(Daŭrigota.)*

*Prof. D-ro E. Ræthlisberger,*
Direktoro de la svisa oficejo por la rehejmigo de la civilkaptitoj.
Trad.: *Ed. St.*

## Vizitoj al militkaptitejoj

*Raportoj de la Delegitoj de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco pri iliaj vizitoj al militkaptitejoj en Francujo, Germanujo kaj Britujo.*

III

Oni malfacile konscias pri la laborego, kiun postulas la poŝto de la leteroj kaj pakaĵoj. Ĉiuj leteroj kaj poŝtkartoj devas esti legataj; tio estas neevitebla militregulo. Tion mi komprenas. Oni prezentu al si je kiaj operacioj estas submetata letero por alveni al la kaptitejo. Oni bezonas tempon ĝis ĝi povis esti kontrolita, ĉar la oficistoj, komisiitaj je tiu fako ne povas labori pri tio pli ol 8 horojn sinsekve. El tio la oftaj plendoj pri prokraste ricevitaj leteroj. Certe, sed tio ne estas la kulpo de la cenzuroficistoj, kiuj faras ĉion eblan. La forirontaj leteroj estas konservataj kelkajn tagojn por ke ili ne plu havu nunan signifon je sia alveno ĉe la adresato.

Vidinte la kvanton de leteroj kaj poŝtkartoj, kiujn skribas 10—20,000 kaptitoj ne konstante okupataj, oni komprenas, ke estas prokrastoj. Certe ne mankas bonvolo ĉe la eksped-oficistoj. Ĉie regas ordo en la oficejoj. Ĉie kaptitoj estas okupataj en la poŝtoficejoj; ofte 10—20 dispartigas la leterojn. Same pri la pakaĵoj, kiuj postulas grandegan laboron. Ĉiuj pakaĵoj estas malfermataj, kaj ilia enhavo estas kontrolata. Kiu kritikos tiujn antaŭzorgojn?

La mandatoj estas ĉie prizorgataj en skrupula maniero. Ĉiu monricevo estas enskribita, kaj la ricevinto subskribas kvitancon. Mi povas certigi, ke ĉiu ricevas, kion li devas ricevi. La aŭtoritato povas ĉiumomente pruvi la ricevon kaj la pagon de la alsenditaj sumoj, je la memkomprenebla rezervo, ke la sendaĵo trafis la adresaton.

Diversaj kaptitejoj starigis sliparon de la kaptitoj. La slipoj estas laŭalfabete ordigitaj kun ĉiuj utilaj informoj pri ĉiu kaptito. Per tiu sliparo oni ricevas ĉian informon pri ĉiu ajn kaptito. Kompreneble la eniro kaj eliro de kaptito ĉiam alportas novan laboron.

La kolektloko de ĉiuj tiuj personaj notoj estas la informejo de la militministerio en Berlino, kie 700 personoj estas konstante okupataj je la redaktado de la listoj de milit- kaj civilkaptitoj. Ĉiu kaptito en Germanujo povas esti retrovata tie, en kia ajn kaptitejo li troviĝas. Estas bedaŭrinde timinde, ke tiu, kiun oni ne retrovas, ne plu estas inter la vivantoj. Iafoje okazas, ke oni donas falsan nomon. Kiam tio okazas, kiu estas kulpa, se la parencoj estas malĝojaj aŭ korpremataj?

Krom la rimarkoj faritaj dum la vizito mem, mi uzis la kunvenon de la Helpkomitato de la 14 januaro 1915 por esprimi kelkajn ĝeneralajn deziresprimojn kaj peti la kompetentan aŭtoritaton, ke ĝi bonvolu ilin priatenti.

Unue, estis traktite pri la transsendo de la korespondaĵoj en la teritorioj okupataj de Germanujo. Mi demandis, ĉu ne estus eble, ke la leteroj estu ekspedataj al tiuj teritorioj per la germana militpoŝto. Oni konsideris, ke tio estas ebla tiom, kiom ĝi koncernas lokojn ne bombarditajn, sed en la ruiniĝaj vilaĝoj, neniu plu loĝas. En multaj okazoj ne estos eble sendi novaĵojn al tiuj regionoj, ĉar multaj parencoj de la internuloj en Germanujo ne plu troviĝas en sia malnova loĝejo kaj forkuris oni ne scias kien.

Ŝajnis al mi multe pli utile, ol certigi tiun letertranssendon multokaze ne plenumeblan eĉ kun bonvolo, interŝanĝi kun Francujo tiujn civilkaptitojn, la virinoj, infanoj kaj nemobilizeblaj viroj. Mi tute speciale altiris la atenton de la Berlina Komitato pri tiu demando. Oni povas kompreni, ke je la militista vidpunkto oni estis devigata forigi tiujn loĝantojn el okupataj kaj paftrafeblaj regionoj. Ili ne plu havis domon, ili ne povis iri al Francujo tra la batallinio; oni tiam ilin internigis en Germanujo. Mia propono do celis transdoni tiujn kompatindulojn al la franca registaro, interŝanĝe de la samspecaj germanaj internuloj transdonotaj al Germanujo.

La Helpkomitato, speciale la reprezentanto de la militministerio, diversfoje ripetis, ke Germanujo estas ĉiutempe preta fari tian interŝanĝon. Al la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco restas la tasko prizorgi tiun demandon, kiu estas favore komprenita kaj akceptita en Germanujo.[1]

La Internacia Komitato deziras ricevi la listojn de la milit- kaj civilkaptitoj, kaj de la sanitaristoj. Mi ripetis tiun peton kaj ricevis la promeson, ke kompletaj listoj estos sendataj. Se la listoj havis mankojn, tio devenas el la fakto, ke estas neeble ilin redakti sufiĉe rapide. Efektive, la laboro estas grandega.

Krom la rehejmigo de la supre notitaj civilkaptitoj, mi rekomendis al la Komitato la necesecon forsendi la francajn kuracistojn, tiom kiom ili ne estas absolute necesaj por la francaj vunditoj. La faktoj cititaj en mia raporto[2] liveris la necesan bazon por mia peto. Oni retenis multajn kuracistojn, kiujn oni tute ne bezonas. La reprezentanto de la militministerio kontraŭdiris, ke Germanujo ne havas supernombron de kuracistoj kaj ke juste estas, ke kaptitaj kuracistoj kuracu samlandanojn. Plie, li insistis pri la fakto, ke Rusujo ne liberigas germanajn kuracistojn. Mi konsentas, ke tie, kie mankas kuracistoj, oni povas kaj devas uzi la necesan nombron de francaj kuracistoj (art. 1 de la Konvencio), sed konservi en kaptiteco senokupajn kuracistojn kontraŭstaras la Ĝenevan Konvencion. Mi petas la Internacian Komitaton de la Ruĝa Kruco, ke ĝi klopodu por la rehejmigo de tiuj kuracistoj, sin rilatigante al la citita interparolado.

Estus dezirinde, ke la ekleziuloj ne necesaj je la servoj kaj religiaj bezonoj de la kaptitoj estu liberigataj. Tio estas konforma al art. 9 de la Konvencio de 1906.

[1] Intertempe la rehejmigo de la civilkaptitoj estis komencita; ĝi fariĝas tra Svisujo. Ĝis mezo de julio pli ol 60,000 personoj estis rehejmigitaj.

[2] En la detalaj raportoj pri ĉiu kaptitejo aparte. *(Red.)*

Fine, mi petis pli bonan reguligon de la demando pri pago. La francaj oficiroj asertas, ke germana oficiro kaptito en Francujo ricevas pli altan pagon ol franca oficiro en Germanujo. Mi kredas, ke tio estas vera. La reprezentanto de la militministerio esprimis la intencon ekzameni la demandon. Li volonte konsentis, ke io estas ne regula kaj ke ekzistas malkonsento inter la prusa regularo de 1907 kaj la Haga Konvencio de 1907. Estas esperinde, ke tiu demando estos baldaŭ regulita por la kontentigo de ambaŭ partioj.

La disdonado de la donacoj el Francujo daŭrigas. La plej grandaj bezonoj estis laŭdinde kontentigitaj de la germanaj aŭtoritatoj. Estos novaj bezonoj. La 250,000 fr. kaj la objektdonacoj je egala valoro ebligos ilin kontentigi dum longa tempo.

Resumante ĉiujn miajn impresojn, mi devas sincere konstati, ke mia ĝenerala impreso estas bona. Mi povas diri, ke dum la milito mi neniam partie opiniis rilate al la militantaj regnoj; mi ĉiam penis favorigi ambaŭ partiojn per la justeco de juĝo, kiun oni rajtas postuli de klera neŭtralulo, kiu dum la milito ne forgesas la kulturverkojn produktitajn en Francujo kaj en Germanujo.

Mi iris al Germanujo laŭ via komisio; mi malfermis mian koron kaj mian okulojn por ekzameni tion, kio prezentiĝas. Mi penis kompreni kaj prezenti al mi la faktojn korekte, tiaj, kiaj ili estas en la realeco.

Laŭ ĉio vidita, mi estas feliĉa diri, ke la francaj kaptitoj estas humane traktataj. En tiel konfuza tempo, eraroj kaj kulpoj estas plenumeblaj, sed entute Germanujo plenumas sian devon rilate al la francaj kaptitoj. Oni neniam forgesu, ke la kaptiteco estas ekstreme dolora, sed mi havas la impreson, ke Germanujo agas kaj pensas kavalire rilate al tiu doloro.

*A. Eugster.* Trad.: *E. B.*

# ☆ NOTOJ ☆

∴ **Ligo de la neŭtralaj landoj.** — Laŭ la iniciato de P-ro Enrico Bignami, direktoro de la revuo *Coenobium* (Lugano), fondiĝis Ligo de la neŭtralaj landoj, kiu celas instigi la intervenon de la neŭtralaj landoj por la starigo de daŭra paco bazanta sur la popolrajto pri memregado, la ĝenerala malarmo kaj la kodigo de la internacia juro. La provizora fondokomitato transformiĝis en Internacian Komitaton, ĉe kiu partoprenas reprezentantoj de la diversaj neŭtralaj landoj. Por ĉiuj informoj, sin turni al P-ro E. Bignami, Villa Coenobium, Lugano (Svis.)

∴ **La svisa poŝto kaj la militkaptitoj.** — La poŝta trafiko por la militkaptitoj, plenumata de la supera svisa poŝtadministracio, montras la jenajn ciferojn de septembro 1914 ĝis fino de junio 1915:

*Transsenditaj al Germanujo* (francaj kaptitoj) 17,562,683 korespondaĵoj, 928,419 pakaĵetoj, 3,422,717 pakaĵoj, 1,191,894 mandatoj je valoro de 15,481,982 frankoj.

*Transsenditaj al Francujo* (germanaj kaptitoj): 17,522,275 korespondaĵoj, 479,993 pakaĵetoj, 664,298 pakaĵoj, 211,847 mandatoj je valoro de 3,799,147 frankoj.

Krom tio, estis transskribitaj kaj reekspeditaj ĝis fino de junio 23,556 mandatoj je valoro de 548,153 frankoj de Germanujo por Montenegro, Serbujo, Tunizio kaj Japanujo, de Aŭstrio-Hungario al Francujo, Serbujo, kaj Japanujo, de Francujo al Luksemburgo kaj Aŭstrio, de Britujo al Aŭstrio, ktp.

Dum junio 1915 la svisa poŝtadministracio do ricevis kaj reekspedis al militkaptitoj, *ĉiutage kaj meznombre:* 174,640 korespondaĵoj, 8580 pakaĵetoj ne enregistritaj de maks. 350 gr., 29,892 pakaĵoj enregistritaj de maks. 5 kg., kaj 8163 mandatoj je valoro de 11,354 frankoj. La mandatoj devas esti ne sole ekspedataj, sed tute transskribataj.

Pri la funkciado de tiu servo vidu „*Esperanto*" N-roj 175 kaj 176: La poŝto de la militkaptitoj.

# Bileto de blankbarbulo

## *Por niaj blindaj soldatoj*

*Kion ni povas fari por la soldatoj, kiuj revenos blindaj el la nuna milito?*

*Multaj ili estos sen ia dubo en ĉiuj landoj, tre multaj kaj inter ĉiuj vunditoj tutspeciale kompatindaj.*

*Sed ĉu nur nian doloran kompaton ni montros al ili kaj nian simpatian amon? Ĉu antaŭ ili ni senĉese parolos pri ilia malfeliĉa sorto, ĉu ni nur serĉos eviti al ili ĉiun ajn penadon, serĉante por ili la objektojn, kiujn ili deziras, antaŭlegante al ili gazetojn aŭ librojn, helpante ilin kun interna plorema malĝojo, en ĉia ilia ĉiutaga agado?*

*Tiamaniere ni nur farus ilin ĉiam pli kaj pli malfeliĉaj per la ĉiumomenta konstato de ilia dependeco.*

*Nia konstanta deziro, nia devo estas male ĉion fari, por ke ili sentu sin kiel eble plej — kaj plej rapide — sendependaj, devigante ilin ĝentile serĉi mem, kion ili bezonas, instruante ilin en la reliefa (Brailla) legado kaj skribado, helpante nur, kaj* nur, *en okazo de absoluta neceseco.*

*La vera amiko de la blinduloj celu antaŭ ĉio komprenigi la blindulon, ke li estas ankoraŭ „iu", ke li estas ankoraŭ li mem, ke li povos ankoraŭ esti utila, kaj ke, perdinte la vidadon, li tamen ne perdis motivon por vivi.*

*Se sian antaŭan okupadon li ne plu povas plenumi, oni klopodu por trovi por li alian, en kiu baldaŭ li povos fariĝi sufiĉe lerta kaj sperta por perlabori se ne sian plenan vivadon, almenaŭ parton de ĝi, kiu sufiĉos kun helpo de la pensio, kiun li ricevos de ŝuldanta patrujo.*

*Aliparte li rapide lernu legi per la fingroj la librojn verkitajn en sia gepatra lingvo. Por vidanto la lernado de la reliefa skribado estas, pere de la okuloj, nur ludo, kaj postulas apenaŭ kelkajn horojn; multe pli da tempo bezonas kompreneble la blindulo, sed post kelkaj semajnoj li jam legos, kvankam malrapide. Sed tiu eĉ ne plena scipovo alportos jam al li grandan ĝojon. En tiaj kondiĉoj, kiu blindulamiko ne kuraĝus lerni mem, por poste esti kapabla instrui blindulon?*

*Neeble estas, ke inter la Esperantistoj — kiuj lernis Esperanton malpli por tuja persona profito, ol ĉar ili esperis tiel helpi al homara progreso — ne troviĝos multaj, kiuj, lerninte la tiel facilan alfabeton, volos siavice montri ĝin al blindigita soldato.*

*Kaj nun, kaj nur tiam, kiam la blindulo estos sufiĉe lerta, oni proponu al li la lernadon de Esperanto kaj klarigu al li, kian fonton de neantaŭviditaj ĝojoj li trovos en nia internacia lingvo. Rimarku cetere, ke la lernado de l' Esperanta reliefa alfabeto estos por li treege facila, ĉar samaj estas la literoj, kiel en lia gepatra lingvo kaj malpli multaj: Kelkaj horoj sufiĉos.*

* * *

*Ĝenerala konsilo estas, ke kiel eble plej baldaŭ oni interrilatigu la blindan soldaton kun naskiĝblinduloj bonhumoraj kaj kuraĝaj. Pli facile ol la vidantoj ili donos al siaj novaj samsortanoj la konvinkon, ke eĉ sen okuloj oni povas esti homo utila kaj — ĉar utila — feliĉa.*

* * *

*Al tia tasko mi vokas niajn vidantajn kaj speciale niajn malvidantajn samideanojn. Inter la novaj blinduloj multaj estas jam instruitaj, bone edukitaj, kleraj homoj. Inter ili pli facila estos nia propagando, ol ĝi estis ĝis nun, kaj pli rapidaj la progresoj.*

*Ni agu do kiel homamikoj kaj kiel Esperantistoj!*

Th. Cart.

*Por pluaj sciigoj oni sin turnu al la Centra Oficejo de UEA, 10, rue de la Bourse, Genève (per Prof. Cart), aŭ al S-ro Thilander, 12, Majorsgatan, Stockholm (Svedujo), kiu nun eldonas la Esperantan reliefan gazeton por blinduloj* „Esperanta Ligilo".

---

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Sveda Esperanto-tago

La nunjara Esperanto-tago, la kvina en la vico, okazis la 11—13 junio en Norrköping, kie la loka klubo „Esperanta Stelo" kun laŭdinda zorgo kaj akurateco faris la aranĝojn.

La kongreso estis malfermata vendredon vespere per agrabla festo (parolado, muziko, teatroludo), kiu estis granda sukceso por la samideanoj en Norrköping. La mateno de 12 junio estis dediĉata al la jarkunveno de S. E. F., kaj oni sukcesis tradiskuti la plej multajn el la gravaj demandoj starantaj sur la tagordo. Post tio oni faris promenadon al Abackarna kaj Himmelstadlund. Vespere estis propaganda festeno en la kongresejo, kie ankaŭ estis aranĝita ekspozicio de diversaj esperantaĵoj. Elokventan paroladon pri la celo kaj stato de nia movado faris S-ro L. Hell, prez. de la klubo. Amuza teatraĵo, muzikado kaj babilado agrable finis la vesperfeston.

La dimanĉo estis laborplena tago. Oni motorboate veturis tra la haveno kaj al Djurön. Tagmeze rekomencis la traktadoj de la jarkunveno, kaj ili daŭrigis ĝis 5 h. vespere. Lasta vesperfesto kun teatraĵo „Aventuro en Japanujo", parolado pri Bellman kun deklamo, kantado, ktp. inde kronis la Esperanto-tagon, por kies lerta aranĝo la samideanoj en Norrköping, speciale la prezidantoj de la klubo S-roj Tell kaj Östling, meritas ĉies dankadon.

## Skota Esperantista Federacio

La deka skota Kongreso okazis en Hamilton la 19 junio. Matene kaj posttagmeze oni ekskursis al diversaj partoj de la bieno de la duko Hamilton, vizitante la belajn parkojn, malnovajn domojn kaj palacon. Laŭ speciala permeso oni povis eniri ĉi tiun kaj vidi la tre antikvajn kaj interesajn memoraĵojn de skota historio, kiujn amasigis la antaŭuloj de la nuna duka familio. Vidiĝis ankaŭ, en la maŭzoleo, la egipta sarkofago entenanta la restaĵojn de unu el la dukoj. Vespere, la urbestro tre afable nin akceptis, kaj la estro de la urba edukata konsilantaro sciigis, ke li provos enkonduki Esperanton en la vesperajn kursojn. S-ro G. Douglas Buchanan, Del., klarigis pri la servoj de UEA dum la milito. Oni multe ŝuldas al S-ro G. W. Hare, loka sekretario, kaj al S-ro P-ro J. A. Lees, kiu verkis Esperantan priskribon de la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj. Elektiĝis prezidanto de la Federacio por la proksima jaro S-ro D-ro A. E. Scougal, M. A.; sekretario, S-ro James Robbie, 42, Strathearn Road, Edinburgo.

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Olomouc:* La tieaj anoj kunvenis por honori al sia hejmen revenonta samideano S-ro Piotrowski, el Krakovo, kiu oficis en Olomouc dum 6 monatoj, kaj fariĝis tre populara. Al parolado de Del. kaj de S-ro P-ro Murath, li dankis kortuŝite atentiginte je la profito, kiun havigis al li la membreco de UEA.

## Bulgarujo.

*Sofia:* La tieaj Esperantistoj kunvenas merkrede kaj sabate ĉe bierejo „Elit". La ĉiutagaj gazetoj kiel „Mir", „Volja", „Dnevnik", k. a., publikigis longajn artikolojn pri la Kongreso en San Francisco. La registaro estas invitita sendi delegiton. La semajna politik-literatura gazeto „Libera Opinio" enpresis bulgare la Alvokon al la Diplomatio, de D-ro Zamenhof. — *Vidin:* La grupo „Espero" gaje festis sian jaran feston kaj boatis sur Danubo. Oni elektis S-ron Krestanof kiel honora membro. S-ro Lazarov, sekr. de l' sama grupo, entreprenis fondon de ligo de lernantaj Esp. societoj en Bulgarujo por pli facila kaj pli sukcesa propagando.

## Germanujo.

*Bamberg:* En la „Bamberger Tageblatt" S-ro K. J. Loy regule aperigas Esp. rubrikon. — *Dresden:* La Esp. Unuiĝo ekskursis al Edle Krone. La 2 aŭgusto okazos monata kunveno. — *Henkenhagen* (Kr. Kolberg): S-ro D-ro Winsch gvidas kursojn por la bangastoj. — *Leipzig:* Societo „Leibnitz" rekomencis novan kurson, kiu estas bone partoprenata.

## Italujo.

*Montecatini-Bagni:* S-ino D-ro Biske faras elementan kurson, kiu kunigis multajn lernantojn tre fervorajn.

## Norvegujo.

*Larvik:* F-ino J. Finholt paroladis ĉe la Unuiĝo de tieaj geinstruistoj; poste oni aranĝis agrablan feston.

## Rusujo.

*Astraĥan:* Ĉe la Esp. Societo, S-ro Sariĉev raportis pri Esp. kaj milito. Oni decidis aranĝi du literaturajn konkursojn. Fondiĝis gimnastika Esp. rondeto nomata „Sparta"; ĉiuj membroj estas devigataj lerni Esp., kies kurson gvidas S-ro M. Kabakov. — *Kiev:* Ĉe la vica tekoncerto ĉeestis 50 personoj. Bela muzikprogramo estis plenumita. — *Kostroma:* La grupo faris vivplenan ekskurson trans la riveregon Volga. — *Orel:* S-ro H. A. Nedbal, direktoro de privata gimnazio, konsentis malfermi Esp. kurson, kiun gvidis S-ro V. Basov. — *Zaporoĵje-Kamenskoje:* La Esp. Societo aranĝis sukcesplenan koncerto-spektaklon, ĉe kiu ĉeestis multaj personoj, i. a. vunditoj de lokaj lazaretoj.

## Svedujo.

*Gävle:* La lasta kurso, kiun partoprenis 20 personoj, havigis al la klubo kelkajn novajn membrojn. Oni aranĝis „studcirklojn" de 5—6 membroj por legi kaj paroli la lingvon; kvar tiaj grupoj jam fondiĝis. Pluraj festoj kaj ekskursoj okazis dum la printempo. Oni projektas ekskurson al Upsala kaj Stockholm.

## Svisujo.

*Genève:* Nova Klubo Esperanto daŭrigas fidele siajn kunvenojn kun varia programo. Dum la lastaj monatoj, ekzemple, geklubanoj siavice pritraktis diversajn temojn: Vegetaranismo kaj abstinenco, Racia nutrado, Fingraj postesignoj, Belgaj festoj, Argentino, Brazilujo, helplingvaj sistemoj. Ĉiuj trapasantoj estas kore invitataj.

## Usono.

*Salt Lake City* (Utah): La somera lernejo de la Universitato de Utah aranĝos kurson. La „Salt Lake" Grupo organizis alian kurson por komencantoj. — *Washington* (D. C.): La Esperantistaj grupoj unuiĝis en „Kolumbia Esp. Unuiĝo", kiu intencas fari viglan propagandon. Grupaj kunvenoj okazas la duan kaj kvaran lundon monate. Vizitantoj ofte estas, i. a. publikaj oficistoj.

## Argentino.

*Buenos-Aires:* S-ro A. Villafranca komencis novan kurson kun 30 lernantoj. Samideanoj dezirantaj korespondi povas sin turni al Esp. Grupo, Casal Catala, Str. San Juan 782.

## Egiptujo.

La Egipta Esp. Asocio akceptis kaj helpis 35 aŭstraliajn kaj anglajn Esperantistojn-soldatojn.

## Persujo.

*Teheran:* S-ro Resser komencis Esp. agadon; grupo estas fondata.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Universala Esperantia Librejo.** — Antaŭ kvin jaroj, kelkan tempon post la fondiĝo de UEA, estis malfermita ĉe la sidejo de nia Asocio la Universala Esperantia Librejo. Tiu fondaĵo estis tiam utila, ĉar en la pli multaj landoj ne ekzistis propra vendejo de ĉiuspecaj esperantaĵoj. Ni do opiniis, ke ĝi povos plenumi ŝatindajn servojn ĝis la momento kiam pro la progresoj de Esperanto kreiĝos en la diversaj landoj speciale Esperantista vendejo. En la lastaj jaroj, efektive, stariĝis en la ĉefaj landoj Esperantistaj Librejoj, kiuj plenumis la necesajn kondiĉojn por taŭga liverado de Esperantaj verkoj. De tiam la Esperantista publiko estis memkompreneble inklina sin turni al tiuj firmoj, kiuj dank' al la pli malalta nacia afranko kaj al la pli rapidaj enlandaj komunikoj povis liveri je pli favoraj kondiĉoj, kaj ĝi aliparte sendis al la Esperantia Librejo ĉefe mendojn pri specialaĵoj, libroj malofte troveblaj, k. t. p. Tiu komerco, kiu nuntempe ne prezentas notindan utilecon, postulas multe da tempo kaj klopodojn, kiuj neniel proporcias kun la malgravaj enspezoj. Konsiderante, ke ĝi nun ne plu respondas al ĝenerala bezono, ni do decidis ĉesigi la Esperantian Librejon, kaj koncentri nian agadon je UEA kaj ĝia oficiala organo. Ni petas, ke niaj membroj bonvolu sendi siajn mendojn al la ekzistantaj diverslandaj Esperantistaj Librejoj, kiuj ja meritas ĉies subtenon pro la utila rolo, kiun ili plenumas en nia movado. Esperantistaj libristoj, kiuj dezirus akiri nian librosortimenton, bonvolu sin turni al ni.

*La Centra Oficejo de UEA daŭrigos plenumi la vendon de ĉiuspecaj Esperantaj insignoj kaj de la eldonaĵoj de UEA, je la samaj kondiĉoj kiel ĝis nun.*

**Kotizaĵoj por 1915.** — Je la 30 junio estis enkasigitaj 2105 kotizaĵoj (el kiuj 107 subtenantoj kaj 143 dumvivaj membroj). — *Esperantiaj Entreprenoj:* 97.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato junio:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 2,123 | 3,342 |

*Tuta sumo:* 5,465. (Antaŭa monato: 5,885.)

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 23,500 |
| 121. Henry Hetzel, Philadelphia | 125 |
| 122. F-ino Ottilie Tönke, Agathenburg | 125 |
| Frankoj | 23,750 |

Entute (ĝis la 15 julio) 122 Garantiantoj mendintaj 190 atestojn, valoro 23,750 frankoj.

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.].

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro, kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al „*Esperanto*".

Restas vendeblaj ankoraŭ 10 atestoj.

### Novaj Delegitoj.

*Bourg-la-Reine* (Francujo, Seine). — D.: S-ro P. Muffang, 14bis, avenue Galois.

*Cette* (Francujo, Hérault). — D.: F-ino M. Pégurier, 23, rue Jeu de Mail.

*Geestemünde* (Germanujo, Hannover). — D.: S-ro Piersig, Ludwigstrasse 8.

*Reus* (Hispanujo, Tarragona). — D.: S-ro J. Domenech, 13, Calle Hospital.

*Utrecht* (Nederlando). — D.: S-ro A. de Beus, Springweg 70bis.

### Ŝanĝo.

*New York* (Usono). — SD.: S-ro D-ro Hills Cole, 1478, Broadway (anstataŭ S-ro Arnold).

### Adresŝanĝoj.

*Barcelona* (Hispanujo). — D.: S-ro A. Sabadell, 54, Rambla Catalunya 4o, 10.

*Braunschweig* (Germanujo). — D.: F-ino Käthe Jahns, Infanteriestrasse 2, III.

*Davos* (Svisujo). — D.: F-ino E. Herzog, Villa „Erika", Promenade 7.

### Rimarkoj.

En jenaj lokoj, pro mobilizo de la Del. oni bonvolu sin turni al:

*Berlin* (Germanujo). — VD.: F-ino Martha Rabe, Bandelstr. 45, III, Berlin NW 21.

*St-Lieu-Taverny* (Francujo, S.-et-O.). — D.: S-ro E. Loison, r. des Avallées 37ter.

*Toronto* (Canada). — VD.: S-ro Harry Perkins, 29, Spruce Court (pro foresto de la Del.).

---

# Nunaj devoj

Kelkaj el niaj samideanoj ŝajnas opinii, ke pro la militstato la Esperantista agado estas kvazaŭ paralizata kaj ke nur ion ni povas fari: rezignacie atendi ĝis kiam, je la fino de la krizo, ni povos rekomenci nian kutiman laboradon. Ili kredas, ke post la dummilita „neevitebla" dormado, sufiĉos la mirakla vorto *paco*, por ke denove ĉio ĉe ni fariĝu kvazaŭ nenio estus okazinta. Tre danĝera sintenado. Se ni ne rezistus je la letargio, kiu kaptas nun multajn internaciajn organizaĵojn, ni tute ne estus kapablaj repreni la interrompitan laboron. Kiam venus la taŭga momento, ni ne sole ne estus pretaj, sed kontraŭe ni baraktus en gravaj malfacilaĵoj, kiuj senefikigus la plej bonajn intencojn kaj abortigus la plej belajn planojn.

La frazo „morgaŭ ni faros" plaĉas al nia natura mallaboremo, sed la progreso havas aliajn postulojn. La plej bona maniero prepari nian estontan agadon estas ĝin jam nun plenumi. Ne morgaŭ, sed hodiaŭ...

Ĉu fakte restas nun nenia alia eblеco, ol silenti kaj atendi? Tia ne estas nia opinio. Estas nenia kaŭzo por interrompi nian penadon kaj estas multaj okazoj, ĉe kiuj ni efike povas agi eĉ nuntempe.

Kio okazas en kelkaj urboj, kie la movado daŭrigas kiel kutime, tio povus fariĝi en multaj aliaj. Parto de la Esperantista vivo koncentriĝas en la lokaj grupoj. Iliaj fondintoj scias, kiom da penoj estis necesaj por vivigi ilin en daŭra maniero. Oni do devas eviti, ke ili ĉesu kunveni, sub la preteksto, ke multaj membroj forestas kaj ke mankas sufiĉe da priparolindaj temoj. Eĉ malmulte vizitataj kunvenoj estas pli bonaj ol tute nenia kunveno. Aliparte, pritraktindaj temoj tute ne mankas. Ni allasas, ke pogranda propagando, kiu cetere ofte ne ĉiikas, ne estas nun oportuna, sed, ke individua varbado ne povas, ne devas, esti malhelpata de la milito. Kontraŭe, ĉar Esperanto per siaj organizaĵoj nun plenumas praktikajn servojn, prezentiĝas multaj okazoj por konvinki pri la utileco de nia afero. En alia rilato, la grupoj, konsistante el samnacianoj, povas fari utilan taskon, interrilatante kun samgrupanoj ĉe la batalkampo kaj propagandante per ili. Tion jam faris kun sukceso kelkaj grupoj, kiuj konkretigante Esperantistan samideanecon, helpas diversmaniere siajn militantajn membrojn kaj regule korespondas kun ili.

La instruado de nia lingvo ne devas esti malzorgata. Malgrandaj kursoj estas ofte pli efikaj ol grandaj; plie, perfektigaj kursoj neniam estas superfluaj. Povas eltiri profiton kaj plezuron el Esperanto nur tiu, kiu funde konas la lingvon.

La milito liveras al ni specialajn okazojn por agado. Militistoj mem iafoje havas la eblon propagandi ĉe la tranĉeoj. Sed precipe inter militkaptitoj, ĉe kiuj troviĝas multe da mezinstruitaj personoj, estas granda nombro de varbebluloj. La sperto instruas, ke se en kaptitejo unu sola persono scias aŭ nur eklernas Esperanton, multaj kamaradoj sekvas kaj alvarbiĝas. Kiom da personoj ni tiel povus atingi! Esperantistoj hejme restintaj povas utile agi por akceli tiun movadon. En la militantaj landoj, estas malofte, ke Esperantisto ne havas konatulon en kaptitejo. Dank' al lia pereco li povas trafi aliajn personojn. Sendo de propagandiloj kaj lernolibretoj al instruita aŭ mezinstruita militkaptito malofte restos sen rezultato. Se la ricevinto ne uzas mem la sendaĵon, aliaj kunuloj estos pli scivolaj. Kio ĝis nun okazis tute spontane kaj laŭcirkonstance montras tion, kio povus rezulti, se ĉiu Esperantisto individue penus prilabori tiun kampon. Kiel ni jam diversfoje skribis, UEA plezure helpos ĉiujn tiajn iniciatojn, sed ĝi povas interveni precipe post kiam pro privataj klopodoj de samideano, Esperantaj ĝermoj estis jetitaj en iun kaptitejon.

Instruado, propagando, uzado, ĉiu el tiuj agadrimedoj estas ebla nuntempe. Sed alia afero estas ankaŭ atentinda. Serioza postmilita agado estos ebla nur se niaj diversaj organizaĵoj (grupoj, naciaj societoj, UEA, k. t. p.) estis sufiĉe fortaj por vivi ankaŭ dum la milito. Sen tio, oni devus rekomenci tion, kio estis jam farita kun multe da peno kaj kio ne estus restarigebla tiel facile kiel oni imagas. Necesas do, ke *nun kiel antaŭe*, niaj organizaĵoj estu materiale subtenataj. Estas devo de ĉiu Esperantisto repagi la kotizaĵojn kaj la abonojn. Dirante tion, ni ŝajnas reklami por nia propra afero. Tiel estu! Tamen, tio estas tre serioza demando, kiun ĉiu Esperantisto nepre devas atenti, ĉar de ĝi

dependas la estonteco de tiuj organizaĵoj kaj, sekve, de nia movado.

Ni scias, ke tio ne estas egale facila por ĉiuj. Dum malfacila tempo, ŝparado sin trudas. Sed de ĉiuj samideanoj la nuna situacio postulas oferojn. Sen tio, ĉio disflugos. Kie estas volo, tie ankaŭ estas vojo. Al tiuj, kiuj pro „ŝparemo“ sin detenas je la devo kontraŭ Esperantistaj organizaĵoj ni dediĉas la jenan leteron, kiun unu el niaj Delegitoj ricevis el membro ĉe la militkampo:

„Jam de longe mi estas mobilizita, kaj malriĉa, sed nia afero, pro tio ne devas perei. Ĉiu el ni laŭrimede devas helpi al ĝi. Tutkore mi preferas senigi min de dolĉaĵoj anstataŭ ne fari mian devon. Mi sendas al vi mian kotizaĵon ŝparitan centimoj post centimoj. Pli bone estas malfrue ol neniam. Senkulpigu mian kontraŭvolan prokraston . . .“

Al tiu letero ni povus kontraŭmeti alian skribaĵon de Esperantisto, kiu rezignas repagi sian kotizaĵon al UEA, ĉar la Jarlibro ne aperis . . .

Nenia organizaĵo, tiel bona ĝi estas en si mem, nenia movado, tiel laŭdinda estas ĝia celado, estas vivkapablaj kaj vivindaj, se iliaj anoj, kiam necese, ne estas pretaj fari oferojn por ili. En la nuna okazo, la oferoj, kiujn niaj organizaĵoj petas de siaj membroj, ne estas grandegaj, sed kunigitaj, ili multe helpos forigi la danĝeron, kiu minacas nian aferon, se ni inercie atendas la estontecon, nenion farante por ĝin prepari.

# La agado de UEA dum la milito

*Raporto prezentita de la Direktoro de UEA al la dek-unua Kongreso de Esperanto*

II

Flanke de tiu laboro, kiu okupis la pli grandan parton de nia tempo, ni agis por konservi al UEA la situacion, kiun ĝi antaŭ la milito estis akirinta en la Esperanto-movado, tiom per siaj servoj kiom per la nombro de siaj membroj. Ni penis kunteni la fadenojn de tiu retaro de internaciaj rilatoj, kiu efligas la uzadon de nia lingvo, kaj per tio savi nian organizon el la sorto, kiu minacas preskaŭ ĉiujn neoficialajn internaciajn instituciojn. Ke malgraŭ la milito la vivo de nia Asocio povu normale disvolviĝi, tia estis nia celo. Por reguligi nian dummilitan staton, ni unue petis de nia Komitato, ke ĝi bonvolu alpreni kelkajn decidojn rilate al la administrado de UEA, ĉefe pri financoj, aranĝo de servoj, neapero de la Jarlibro, konfirmo de nia neŭtraleco, k. t. p. (Vidu „*Esperanto*“, N-ro 173 (1), paĝ. 9). La malcerteco de la situacio dum la unuaj militmonatoj malhelpis al ni aperigi la Jarlibron por 1915. La gazeto „*Esperanto*“, kiu pro malbonaj poŝtrilatoj kaj cenzurmalhelpoj, ĉesis aperi post aŭgusto, povis denove eliri ĉiumonate de post januaro. Ĝi donas ĉiujn informojn pri la nuna vivo de nia movado kaj de nia Asocio. Ne deflankiĝante de la neŭtraleco, kiun ĝi trudis al si, ĝi per diversaj artikoloj kontraŭbatalas la trograndigojn de la naciaj pasioj, kaj penas aŭdigi voĉon de prudento kaj modereco, kiel decas al Esperantista organo. Per la gazeto ni konservis kontakton kun la plimulto de niaj reprezentantoj kaj membroj, kaj forpelis senkuraĝiĝon, montrante, ke malgraŭ ĉio nia afero vivas.

Por ke eĉ nuntempe niaj informservoj povu funkcii kontentige, ni zorgis, ke — almenaŭ en la grandaj urboj — la Delegitoj mobilizitaj estu provizore anstataŭataj de alia membro, al kiu estos alsendataj ĉiuj petoj, ĉu senpere, ĉu, se inter militantaj landoj, pere de nia Oficejo. Ni scias, ke pluraj Delegitoj, precipe tiuj loĝantaj en neŭtralaj landoj, povis fari multajn servojn al la membroj kaj al la publiko. Sed tiuj servoj estas limigataj de enlandaj kondiĉoj. Ekzemple, oni ofte petis, ke Delegitoj vizitu militkaptitojn. Tion ili volonte farus; bedaŭrinde, en la plej multaj okazoj, tiaj vizitoj estas tute malpermesataj al civilpersonoj. Kontraŭe, por serĉadoj kaj specialaj petoj, la pereco de la Delegito estas ofte tre utila. Ni kun ĝojo konstatis, ke malgraŭ la nunaj interpopolaj malamoj, ĉiuj niaj Delegitoj restis pretaj same helpeme servi al niaj membroj, al kia ajn nacio ili apartenas. En tiu rilato, la vorto solidareco, enskribata en la komenco de nia Statuto, ne restis vana esprimo. Ĝi montriĝis per faktoj. Niaj reprezentantoj ne forgesas, ke trans la landolimoj trabarataj je fortikaĵoj kaj tranĉeoj, estas Esperantistoj, kiuj malgraŭ ĉio restas *samideanoj.*

Multaj el ili, ho ve, mortis aŭ malaperis sur la batalkampo, inter ili kelkaj el niaj fervoraj Delegitoj. Al la familioj kaj amikoj de ĉiuj tiuj bedaŭrataj kunlaborintoj de nia komuna afero, ni esprimas nian profundan simpation, ni rajtas diri en la nomo de *ĉiulandaj* Esperantistoj.

Kelkaj aliaj el niaj samideanoj estas militkaptitoj. Ni klopodis kolekti iliajn nomojn, kaj interrilati kun ili. Ĉe pluraj kaptitejoj, ili ricevis la permeson aranĝi Esperantajn kursojn kaj propagandi. Ni helpis al ili per alsendo de propagandiloj, lerno- kaj legolibretoj. Certe estus tre dezirinde, se oni povus grandamplekse diskonigi Esperanton ĉe kaptitejoj, kie ekzistas multe da mezinstruitaj personoj sen sufiĉa spirita okupo. Bedaŭrinde, tiu propagando estas farebla nur se estas almenaŭ unu Esperantisto en kaptitejo. Sed individuan propagandon povas fari la Esperantistoj sendante al siaj militkaptitaj konatuloj pli-malpli Esperantemaj la necesan lernomaterialon. Tio kelkfoje sufiĉas por ke kamaradoj esprimu la deziron studi nian lingvon. Ĉiuokaze nia Oficejo plezure helpos ĉiujn similajn iniciatojn, pri kiuj ankaŭ la naciaj societoj atentu.

Ĉiu komprenos, ke la diversajn alprenitajn taskojn nia Oficejo povas plenumi, nur se ĝi havas sufiĉajn monrimedojn. Tial, estas tre grave, ke la membroj restu fidelaj al la Asocio, kaj tion konkretigu repagante la kotizaĵon por la kuranta jaro. La nuntempa valoro de UEA kuŝas ne sole en ĝia praktika organizo kaj en la servoj; ankaŭ konsiderinda estas ĝia ĝenerala signifo. La politika krizo pruvis, ke internacia Esperanta asocio povas ekzisti, se, kun sidejo lokita en lando kun neŭtraleco ĝenerale rekonita, ĝi rezistas al ĉiuj en- kaj eksterlandaj influoj, kaj okupas sin ĉefe pri la ĝeneralaj bezonoj de la ĉiutaga vivo. Por ĉio, kio postulas specialan prikonsideron de enlandaj cirkonstancoj, ekzistas la naciaj societoj. Dum la milito ili havis la tre delikatan taskon plenumi la devon kontraŭ sia patrujo, kontentigi la aspirojn de publiko nuntempe ne internaciema, kaj trovi agadformojn ne ofendajn por la samideanoj en la malamikaj landoj. Kompare kun faktoj okazintaj en aliaj movadoj internaciaj, oni rajtas konstati, ke nia afero estas unu el la tre malmultaj, kiuj venke eltenis tiun ventegon de intergenta malamo. Tiun rezultaton oni parte ŝuldas al la plena organiza libereco, kiun ĝuas niaj naciaj societoj. Ne ĝenate de formuloj, la respondaj estraroj agis laŭ sia bontrovo kaj diverse laŭ la lando, sed oni ĝenerale sentis unuecon en la zorgo por ke ne suferu la komuna Esperantista idealo. Entute, la milito montris, ke estas vivpovaj du diversspecaj celadoj kun du kontraŭaj, sin kompletigantaj principoj: unuflanke la naciaj societoj, memstaraj por la enlanda agado, aliflanke UEA, kiu, reprezentante la internacian parton de la movado, estas devige neŭtrala.

*(Daŭrigota.)*

*H. Hodler.*
Direktoro de UEA.

# Esperantia Parolejo

## Pri la internacia mono

1. *Pri la vorto „spesmilo“:*

En majo 1907 mi proponis al la Esperantistoj la alprenon de teoria monunuo, uzota en la rilatoj internaciaj. Tiun novan unuon mi nomis *speso (s.)* kaj difinis ĝin jene:

10,000 *spesoj* (aŭ 10 *spesmiloj*) egalvaloras 8 gramojn da oro, laŭ orproporcio $^{11}/_{12}$.

Laŭ tiu difino, *unu spesmilo (1 Sm.)* valoras proksimume: 2,50 frankojn, aŭ 2 ŝilingojn, aŭ 2 markojn, aŭ 1 rublon, aŭ $^1/_2$ dolaron, ktp.

Tiu teoria monsistemo estas nun ĝenerale uzata de la Esperantistaro. Tamen, ĉar la plej uzata unuo estas ne la speso, sed la spesmilo, kaj ĉar la vorto „spesmilo“, ofte ripetata, ŝajnas iom longa kaj peza, estus dezirinde mallongigi tiun vorton. Nu, ĉar *1 spesmilo = mil spesoj,* aŭ mallongige: *m. s.* (elparolata *mo-so*), mi proponas la vorton *moso,* kiel mallongigon de *spesmilo.*

Ekzemple: *23;457 Sm.* oni elparolas jene: *23 mosoj 457 spesoj.*

* * *

2. *Pri la sistemoj decimalaj:*

La unuoj plej uzataj en la praktiko estos do: la *moso* kaj la *speso,* kaj, ĉar *1 moso = 1000 spesoj,* oni uzu kutime tri ciferojn decimalajn. Ekzemple: *23;457 Sm.* (Mi uzas punktokomon anstataŭ simpla komo, por eviti konfuzon inter *23 mosoj 457 spesoj* kaj *23457 mosoj*).

Tamen la uzo de 3 ciferoj decimalaj ne estas deviga. Oni povas uzi laŭ la oportuno du, aŭ eĉ nur unu, decimalojn. Ekzemple: *23;45 Sm.,* aŭ *23;4 Sm.* Tiam, laŭ la principoj de la decimalaj sistemoj: *23;45 Sm. = 23;450 Sm.* = 23 mosoj 450 spesoj; simile: *23;4 Sm. = 23;400 Sm.* = 23 mosoj 400 spesoj, ĉar nulojn oni ĉiam rajtas aldoni al decimalaj frakcioj.

* * *

3. *Pri la kambivaloro de la interncia mono:*

La teoria valoro de la naciaj ormoneroj estas fiksa. Tiu valoro esprimas nur la pezon da pura oro, entenata en la diversaj ormoneroj kompare al la pezo entenata en ormonero da 10 mil spesoj, aŭ 10 mosoj. Per tia komparo oni trovas, ke:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 10 mosoj | = | 25,26 | frankoj (Lat. Unuiĝo) |
| „ | = | 20,03 | ŝilingoj (Gr. Brit.) |
| „ | = | 4,874 | dolaroj (Usono) |
| „ | = | 20,46 | markoj (German.) |
| „ | = | 24,0 | kronoj (Aŭstrio) |
| „ | = | 9,47 | rubloj (Rus.) |
| „ | = | 18,2 | krono (Skandinav.) |
| „ | = | 12,1 | florenoj (Holand.) |
| „ | = | 4,51 | milrejsoj (Portugal.) |
| „ | = | 8,92 | milrejsoj (Brazilo) |
| „ | = | 9,78 | yenoj (Japan.) |
| „ | = | 9,9 | pesoj (Meksiko) |

Tamen, la ĉi supraj valoroj ŝanĝetas laŭ la tagvaloro de la diversaj monoj naciaj. Ĉar la plej fiksa orvaloro en la mondo estas la Angla orfunto sterlinga, oni povas akcepti *fiksan* rilaton inter la orfunto sterlinga kaj la teoria valoro de 10 mosoj, jene:

10 mosoj = 20,03 ŝilingoj = 1 funto sterl. + 10 spesoj.

Per tiu firma rilato inter la Angla mono kaj la internacia oni povas kalkuli la ĉiutagan valoron de la diversaj monoj naciaj kaj esprimi ĝin per mosoj.

*R. de Saussure* (Bern).

## Oni laŭdas!

∴ La *Esp. Unuiĝo de Karintio* en Villach kore dankas al la C. O. de UEA por la serĉado de civilkaptitoj.

∴ S-ro *R. Ferré,* Esp-iano en Montevideo, esprimas sinceran dankon al S-ro E. Thierack, Del. Porto, pro rapida servo.

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝo.** — F-ino *Emmy Thiele,* Elberfeld, kun S-ro *E. A. Schürmann,* sekretario de la Grupo en Hagen i. W.

**Edziĝoj.** — S-ro *H. Eichelhardt,* longjara kasisto de Esp. grupo Essen kun F-ino *Ida Benezé,* Esp-istino el Essen.

S-ro *F. W. Hipsley,* Distrikta Del. por Centra Suda Anglujo, Birmingham, kun F-ino *Elfrida Hellsen,* filino de S-ino Arvidson, Köhl Smedstu (Svedujo).

S-ro *A. Crestoni,* prez. de la Esp. grupo en Legnago (Italujo) kun F-ino *Emma Maria de Conti.*

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Bagnoli,** el Angers.

**Marcel Clément,** el Orange.

**Alphonse Mairey,** membro de UEA en Dijon, profesoro de historio kaj geografio ĉe la liceo kaj universitato de Dijon, unu el la kondukantoj de la socialista partio en Francujo.

**F. Reifschneider,** el Berlin.

**D-ro A. Rosenberg,** el Berlin.

**Josef Routa,** el Beroun (Bohem.).

**Rousseau,** filo de S-ro Rousseau, el Levallois-Perret, komitatano de S. f. p. E.

**E. Schwarz,** el Berlin.

**Sentis,** filo de S-ro Sentis, el Grenoble.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Oka listo*

*Bigorgne, Louis,* el Francujo, 1a Bat., 1a Komp., Limburg a. Lahn.

*Cuzin, Antonin,* el Limonet, 159a Reg. Inf., 3a Komp., Baracke 13 B., Quedlinburg a. Harz.

*Glon, Marcel,* el Paris, 3a Komp., Baracke 15 B., Quedlinburg a. Harz.

*Lamandé, Gilbert,* el Francujo, 3a Komp., Baracke 16 A., Quedlinburg a. Harz.

*Lhuissier, Emile,* el Le Mans, Fort III. A., Ingolstadt.

*Schatz, Robert,* D-ro, el Aŭstrio, 2. Reservespital, Kragujevac (Serbujo).

*Sénéchal, Alphonse,* el Liévin, Groupe 5, Friedrichsfeste, Rastatt (Baden).

*Thomas, Maurice,* el Francujo, 368a Reg. Inf., Baracke 13 B., Quedlinburg a. Harz.

* * *

S-ro *Hermann Krueger,* el Guestrov, Landwehr Inf. Reg. 51, 7a Landwehrkorps, estis vundita kaj malaperis la 9 septembro ĉe Tarnowko, sude de Lublin (Polujo).

S-ro *Nal,* el Orange (Franc.), malaperis en Belgujo.

S-ro *Senot de la Londo,* kapitano, 135a Reg. Inf., malaperis la 12 novembro ĉe Zonnebeke apud Ypres.

Ĉiujn ajn informojn pri tiuj malaperintoj oni bonvolu komuniki al la C. O. de UEA.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj, kies adreso estas konata.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *poŝtmarko sur bildflanko*.

BOURG-LA-REINE (Francujo, Seine). — S-ro Pierre Muffang, licenciato pri sciencoj, 14bis, avenue Galois, L, PI.

BOBRUJSK (Rusujo, Minsk. gub.). — S-ro E. Valkovskij, Muravievska ul, PK, PI, PM.

BOBRUJSK (Rusujo Minsk. gub.). — S-ro V. Dobrovolskij, Dmitrievskaja 8, PK, PI (precipe kun ne-eŭropanoj. Nepre respondos.).

BORDJ-MENAIL (Alĝerio, Dep. d'Alger). — Julio Laguna, tajloro, PK, PI (kun ĉiulandaj gesamideanoj, ankaŭ kun militkaptitoj).

BURNLEY (Anglujo). — Gelernantoj de la Burnley Esp.-Grupo, Hargreaves St. (kun ĉiulandanoj).

BUENOS-AIRES (Argentino). — S-ro F. H. Ruprecht, 161, Paseo Colon, dez. daŭrigi sian korespondadon je la nova adreso.

COLNE (Anglujo, Lanc.). — S-ro W. H. Cocks, 97, Keighley Rd., PI (volas aĉeti lokajn produktaĵojn kaj kuriozaĵojn; dez. korespondi kun Ĥinujo, Japanujo, Indio, Siberio, Suda Ameriko).

DELPHOS (Usono, Ohio). — S-ro Julian E. East, L, PI (kun ĉiuj landoj).

ISSY (Francujo, Seine). — S-ro Lesage, 18, rue Hoche, PI, L (kun ĉiulandanoj, krom anoj de la malamikaj landoj).

LA VARENNE ST-HILAIRE (Francujo, Seine). — S-ro Louis Prévost, 73, Boulevard de Champigny, PI, PK, PM (kun ĉiuj landoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro V. A. Plotnikov, Malaja Poljanka dom 4, kv. 17, PI, L.

PARIS (Francujo). — S-ro Robert Poitou, 51, rue Richard Lenoir XI, L, PI, PK (kun ĉiuj landoj).

STADTAMHOF (Germanujo, Bavarujo). — S-ro E. H. Mühleisen, PI, L (Esp. gazetoj, tagaj gazetoj, Esp. propagandiloj).

ST-GENIS-LAVAL (Francujo, Rhône). — S-ro Charles Despeyroux, PM (kun komencaj kolektistoj de la nemilitantaj landoj).

URLOK (Siberio, Zabajkala oblast, Uladuj). — S-ro V. Krasikov, L, PK.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.**

EKSPORTO de nekontrabandaj produktoj Usonaj. Ehnisa Entrepreno Esperantista, 105, Hawthornestreet, Brooklyn, N. Y., Usono.

KOMISIISTA-REPREZENTANTA AGENTEJO organizis kaj akceptas reprezenti ĉiuspecajn terlaborajn, industriajn, komercajn kaj metiajn artiklojn. Faras ankaŭ komisiaĵon de ĉiuj landoj por tuta Bulgarujo. Korespondado en Esperanto. Respondas al ĉiu kaj ĉiam senprokraste. Korespondas ankaŭ en germana kaj franca. Adreso: *Kuni Seferov, Provadia, Bulgarujo.*

RESTADO EN FRANCLANDO. — Studentoj-samideanoj dezirantaj komfortajn ĉambrojn, familiajn manĝaĵojn, Esperantian akcepton, francan interparoladon, pianon, ĉiuspecajn leglibrojn, malnovajn, modernajn, klasikajn, fremdajn, skribu al S-ino Henriet-Nolotte, 33, strato Chabot-Charny, Dijon (Francujo).

UNIVERSALA PACO. — La Virina Unuiĝo por Paco deziras rondirigi inter siaj membroj mallongajn artikolojn ĉiulandajn pri Universala Paco, por ke ili pli bone komprenu la pensmanierojn kaj vidpunktojn de malsamaj popoloj. Pacamantoj bonvolu respondi al la Hon. Sek., 114, Holmleigh Road, Stamford Hill, London.

## Karaktero

Ĵus aperis la 4a plibonigita kaj reviziita preso de **„Karaktero“** laŭ M. J. van Stipriaan Luiscius, advokato en Hago. En tiu moralfilozofia verketo, la aŭtoro pritraktas en 27 ĉapitroj la proprecojn de bona karaktero. Tre interesa por ĉiuj, kiuj sin okupas pri la demando de karakterformado. Prezo afrankite Sm. 0,25 ĉe la eldoninto J. L. Bruijn, Weimarstraat 282, Hago (Nederlando). Respondkuponoj, transpagiloj akceptataj.

## La Tutmonda Krucmilitiro de la 20a Jarcento
### por efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito

*Mi ĝis lim' de vidopovo enrigardis l' estontecon.*
*Jen viztoj de la mondo kaj venontaj mirindaĵoj,*
*Jen ŝipetoj sur ĉielo pasis kun magiaj veloj.*
*Jen sur teron ili metas komercaĵojn multekostajn;*
*Jen aŭdiĝis kriadbruo kaj pluvgutis ros' de l' morto*
*De l' aeroŝipoj batalantaj meze de la bluo;*
— — — — — — — — — — — — —
*Ĝis silentis tamburado, kaj batalflagar' faldiĝis*
*En la Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo.* Tennyson.

Kiu neos, ke la glora poeto, Tennyson, die inspiriĝis, kiam li antaŭdiris: „La Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo“.

La profetaĵo estas des pli rimarkinda, ke li antaŭvidis, antaŭ ol la homoj lernis la flugarton, ke homoj portus sian senhumanecon efektive al la pordoj de la Ĉielo mem — kiel atestas la cititaj versoj.

La profeta animo ankaŭ antaŭvidis la tempon, kiam „silentis tamburado, kaj batalflagar' faldiĝis en la **Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo.**“

Kaj tiu Federaci' de l' Mondo por la Paco jam estas proklamata de la „Civitanoj de l' Mondo“, kiu iniciatis *tutmondan krucmilitiron por efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito.*

Kiam la lasta parto de la profetaĵo de Tennyson plenumiĝos, tiam la Homaro povos soleni sian veran maturiĝon. Ni jam estas en la 20a jarcento de la Kristana Epoko. Ĉu la 21a vidos la realiĝon de la Ĉielo de Paco sur la tero?

Ĉu la Milito estas la ĥirurgio de Dio, per kio la homo devas suferi sangelperdon, ĝis kiam li kredu, ke **„ĉiuj, kiuj glavon prenas, per glavo pereos“?**

Ĉiu leganto povas ludi la noblan rolon de kunbatalanto en la Krucmilitiro por efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito, kaj fari ĝin per la edukada metodo, ŝanĝi la korojn de homoj unu al alia.

Eminentaj pensuloj jam signifis sian simpation kun la laboro de la „Civitanoj de l' Mondo“. Aliaj legantoj, kiuj simpatias kun la nobla celo, efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito, devas legi la rimarkindan broŝuron eldonitan de la „Civitanoj de l' Mondo“.

Malmultaj povas legi tiun ĉi elokventan verkon sen deziro antaŭenigi la movadon ĝis: „la Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo“.

Precipe ĝiajn elokvente emociigajn vortojn ŝatos tiuj, for de kiuj la Milito jam forprenis parencojn kaj karulojn. Al tiuj la „Civitanoj de l' Mondo“ donas la oportunan okazon por realigi la noblan celon de tiuj, kiuj oferis siajn vivojn aŭ vundiĝis ĝis morto.

Ekzemplero de la broŝuro de la „Civitanoj de l' Mondo“ en Esperanto estas havebla senpage kaj afrankite al ĉiu leganto de tiu ĉi gazeto, kiu ĝin petos al

**La „Civitanoj de l' Mondo“,**
Tom-na-Monachan, **Pitlochry,** Skotlando.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO